




1/2008
Decembro/Januaro
Bulteno de Hamburga
Esperanto Societo r. a.

# Nia klubejo




Ofte nia klubejo estas tro malplena dum la klubaj vesperoj. Kvankam post la someraj ferioj denove venas inter 10 kaj 15 membroj kaj gastoj, ni ofte sidis en la granda salono kun nur kvin personoj. Almenaŭ dum la Zamenhoffesto la 8an de Decembro 2007 ni esperas vidi multe pli da homoj.

| **Editoraĵoj** | **Karaj legantoj,** |
|---|---|
| Eldonanto: *Hamburga Esperanto-Societo r. a.* Klaus-Groth-Str. 95, D-20535 Hamburg Tel/Faks: +49 40 250 | la jaro 2008 estos por nia klubo grava jaro. Nia luanto ne plu pagas dum monatoj kaj ni ĝis nun ni ne trovis |

30 65

Prezidanto: *Jürgen Wulff*

Redaktoro: *Benno Klehr*

Retpoŝto: Esperanto-Hamburg

Redaktofino de Esperanto Hamburg

n-ro 2/2008: 15-01-2008

**Atentu**
ke tiun-ĉi numeron de Esperanto Hamburg redaktis la prezidanto. Do li kulpas pri eraroj ktp.

novan. Ni havas kelkajn rezervojn kaj ne tuj bankrotiĝos. Tamen necesas trovi solvon - aŭ ke ni mem financas la domon per donacoj de la membroj aŭ ke ne trovos novan luanton. Lasta ebleco - se ambaŭ solvoj ne funkcios devus esti ke ni vendos la domon. La domo mem donis al ni en la estraro sufiĉe da laboro ĉar daŭre necesas ripari ion - kiel vi ankaŭ povis legi en la antaŭaj informiloj.

Krome la membraro devas elekti novan estraron dum la jarĉefkunveno la 14an de Februaro 2008. Mi persone jam ekde 1988 estas en la estraro kaj de 1998 dum ok jaroj gvidis la klubon. Mi volonte faris tion sed nun mi bezonas tempon por mia memstara laboro. Malgraŭ niaj klopodoj, la estraro ne jam trovis posteulon por la prezidanta posteno. Do, necesas engaĝiĝo ankaŭ de aliaj membroj.

*Jürgen Wulff*

**Einladung / Invito**

Hiermit werden alle Mitglieder des Esperanto-Verein Hamburg e.V. eingeladen zur Jahreshauptversammlung am 14. Februar 2008

um 20 Uhr im Vereinshaus, Klaus-Groth-Str. 95, 20535 Hamburg.

Folgende Tagesordnungspunkte sind laut Satzung vorgesehen:

1. Erstattung des Jahresberichts und des Kassenberichts
2. Bericht der Kassenprüfer
3. Diskussion
4. Bericht des Beirats
5. Entlastung des Vorstandes
6. Wahl des Vorstands
7. Wahl des Beirats
8. Wahl der Kassenprüfer
9. Budget, Beiträge und Pläne 2008
10. Diskussion und Entscheidung über Vorschläge
11. Verschiedenes

Aufgrund der Vorstandswahlen und notwendiger Entscheidungen in Bezug auf die weitere Nutzung des Vereinshauses bittet der Vorstand um die Teilnahme möglichst vieler Mitglieder.

Im Namen des Vorstands.

Jürgen Wulff
1. Vorsitzender

## Zamenhoffesto 2007

Ni invitas vin al la Zamenhoffesto de Hamburga Esperanto-Societo. Ĝi okazos la 8an de Decembro 2007 ekde la 19a horo en nia klubejo.

LA PROGRAMO:
18.30 h: Malfermo de la klubejo
19.00 h: Bonvenigo de la prezidanto de HES kiu gvidos tra la programo
19.15 h: Malfermo de la bufedo. ĉi-jare nia membro Mariko Aoŝima ĉefe preparas la manĝaĵojn. Do lasu vin surprizi!
20.00 h: Festprelego de s-ro Harald Schicke
21.00 h: Fotoj kaj filmetoj de Germana Esperanto-Kongreso en Hamburg 2007
21.45 h: La aĉetema kliento - skeĉo prezentita de Pia Haasis kaj Ralph Glomp.

poste:
komuna kantado de konataj kristnaskaj kantoj.

ALIĜU NUN:
Gerald Roemer kolektas la aliĝojn telefone 040 - 491 71 94.

KOSTOJ:
12 Eŭroj por programo kaj manĝoj.

## Nia programo

| | |
|---|---|
| **Decembro** | |
| **6** | Klubejo fermita pro sabata festo |
| **8**<br>19a horo | **Zamenhoffesto**<br>**poste: klubejo fermita por la resto de la jaro.** |
| **Ni deziras al niaj legantoj sanan kaj sukcesan jaron 2008!** | |
| **Januaro** | |
| **3** | Klubejo fermita |
| **10** | *Albert Bielenberg* **prezentas siajn diĝitajn fotojn de la UK en Jokohamo per nia projekciilo.** |
| **17** | *Bill Mak* **La studento el Hongkongo prelegas pri ĉina popola muziko.** |
| **24** | *Rudi Haberland*: **proverboj** |
| **31**<br>18a horo | **Publika Estrarkunsido poste je la 20a h:** *Gerald Roemer* **parolas pri la agadoj en la Esperanto-urbo Herzberg. Aliaj kiuj ankaŭ jam estis en Herzberg kontribuu.** |
| **Februaro** | |
| **7** | **Karnavala festo** |
| **14** | **Jarĉefkunveno (vidu inviton supre)** |

**Kartoj kaj magnetoj**

Jen kelkaj bildkartoj kaj magnetoj kiujn ni produktigis por ke vi havu donacojn kaj Esperanto-kartojn por viaj parencoj kaj amikoj:




klapkarto kun koverto „Belajn festotagojn„ Prezo: po 1,50 Eŭroj Atentu: nur malmultaj ekzempleroj restas




poŝtkarto „ĉion bonan por la nova jaro" Prezo: po 0,50 Eŭroj, 5 por 2 Eŭroj




grandformata poŝtkarto „Saluton el Hamburg" Prezo: po 1 Eŭroj, 5 por 4 Eŭroj




poŝtkarto „floro por vi"
Prezo: po 0,50 Eŭroj, 5 por 2 Eŭroj




magneto „Mi neniam krokodilas"; fleksebla materialo, 87 x 44 mm
Prezo: po 2 Eŭroj, 3 por 5 Eŭroj




magneto „Esperanto"; fleksebla materialo, 87 x 44 mm
Prezo: po 2 Eŭroj, 3 por 5 Eŭroj

La produktoj haveblos dum la klubaj vesperoj kaj dum Zamenhofesto. Ni ankaŭ sendas al via adreso (aldoniĝas 1,50 Eŭroj sendokostoj). Mendu ĉe Jürgen Wulff

## Novaj membrokotizoj

La jarĉefkunvo en 2007 decidis ke ni ekde 2008 havu novajn pli altajn membrokotizojn:

ordinaraj membroj: 50 Eŭroj
familianoj kaj membroj sen propraj enspezoj: 25 Eŭroj
infanoj kaj junuloj ĝis 16 jaroj: 12 Eŭroj

Bonvolu pagi al la konto de HES, indiku "Beitrag 2008", aŭ donu al nia kasistino la enkasigrajton.

## Helpo bezonata

Karaj geklubanoj,
tiu ĉi jare mi preparos la bufedon de Zamenhof-Festo. Por tio mi bezonas kelkajn helpantojn en subaj tagoj.
La 6an (ĵaŭde) de Decembro, posttagmeze: 2-3 personojn por aĉetado kaj ornamado de la salono.
La 7an (vendrede) de Decembro, posttagmeze ĝis la 18a horo: 2-3 personojn por kuirado.

| |
|---|
| La 8an (sabate) de Decembro, posttagmeze: 3-4 personojn por kuirado.<br><br>Bonvole anoncu al mi per retpoŝto aŭ telefone.<br>Elkoran saluton.<br>Mariko Aoshima, Tel. 040 - 491 71 94 |

Re al Esperanto en Hamburg